# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 25/08/2016 Ducentokdekkvara eldono 25/08/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **500,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# REE (NE denove = el de kiam ĝi estis nova) PRI NE "RI".

Antaŭ kelkaj semajnoj mi klarigis: 1.e ke "ri" ne bezoniĝas, ĉar ekzistas sufiĉe da aliaj vortoj kaj frazoj, kiuj solvas la problemojn, kiujn nova pronomo "ri" supozis solvi; kaj 2.e ke "ri" estas neologismo, do evitinda; kaj 3.e ke ekzistas simila kazo, kie oni ankaŭ devus solvi pronoman problemeton, nome ke en Esperanto ne ekzistas pronomo por liaj "ili" nek por ŝiaj "ili". Mi nun proponas uzi, se necesaj, la Fundament'ecajn "liili" kaj "ŝiili". Ekzemple en iu lernejo la knaboj kaj la knabinoj, ili, estas en malsamaj klasejoj, sed dum la lunĉpaŭzo ili estas miksitaj, kvankam ofte oni vidas ŝiilin ĉe unu tablo kaj liilin kune ĉe alia tablo. Oni uzu tiujn "liili" kaj "ŝiili" nur, se oni ne volas ripeti "knaboj" kaj "knabinoj".

Alia problemeto, nome kiam oni ne scias ĉu iu persono estas li aŭ ŝi, oni nuntempe solvas tion en la angla uzante la pluralan "they" (= ili) por la singularo. Oni ja diras kaj skribas "An accident: a cyclist is hit by a car; they are still holding on to their (= ilia) bicycle.". Ĉi tion oni ne faras en aliaj lingvoj, nek en Esperanto, ĉar mallogikas uzi pluralan vorton por singulara estaĵo. Tamen en Esperanto oni povus uzi "ŝi-li" kaj "ŝia-lia biciklo", kiel en la nederlanda, ( hij/zij; zijn/haar fiets), sed oni tiam nepre ne forgesu la streketon, kiu ja necese malaglutinigas la kombinaĵon. Oni tiukaze povas uzi ankaŭ la iom strangan sed same ĝustan "iliero". Por la latinidaj lingvoj la problemeto pli malfacilas iomete, ĉar ili ne havas apartajn pronomojn por "lia" kaj "ŝia" kaj "ĝia"; sed iliaj parolantoj ne plendas, kaj plu vivas.
Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Sabaton la 20an Aŭgusto nur venis la kutimaj Roger, Chris, Eunice, John kaj Ian.
Ni ĝuis la etoson kaj parolis Esperante!

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Margaret Chaldecott emeritiĝis for de ED

**Artikolo skribita per Roger Springer por Telopeo,**
**La novaĵletero de la Esperanto-Federacio de NSK**



TELOPEO
*Oficiala Organo de La Esperanto-Federacio de Nova Sud-Kimrujo*

Telopeo ekzistas ĉar Margaret daŭrigis ĝin dum multaj jaroj, trovante enhavaĵon, tajpis, enpoŝtigis, kaj prizorgis la bezonitan adresliston de ricevantoj.

Margaret esis oficiro en la VAD (Volontula Asista Taĉmento, iu ina parttempa armea grupo.) La parttempa armea sakŝalmistaro muzikis por la VAD, do mi, iel, sakŝalmisto renkontis Margaret antaŭ 57 jaroj.



Poste mi re-renkontis ŝin en Esperantujo

Margaret estas konscienca, subtena kaj fidema ano de EFNSK. Ŝi estis la sekretario dum jaroj kaj fidinde ĉeestis por malfermi Esperanto-Domon je ĉiu Merkredo

Se estis bezono, ŝi ofte ĉeestis ED je aliaj tagoj de la semajno.

Ŝi prizorgis la gastĉambron, ofte bonvenigis la gastojn, prizorgis la korespondadon, la bibliotekojn, la librojn kaj la bezonitan mastrumadon, ktp. je ED.

Margaret tajpis la provizoran 32 paĝan 'Key' libreton en komputilo.




Margaret estis fonto de la historio de EFNSK kaj Esperanto-Domo.

Nur kiam korpe ŝi ne plu povis veni al ED, ŝi emeritiĝis for de Esperanto-Domo.



**La Federacio dankegas ŝin por ŝia granda laboro.**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estontaj kompetentaj Esperantistoj

**aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon**



**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

# Pli pri la amuzaj geografiaj nomoj



La patrino de mia patrino, do mia avino estis okcidentsvedino. Ŝi naskiĝis kaj vivis sufiĉe longan tempon en Okcidentsvedujo. Kiam ŝi estis sufiĉe aĝa por forlasi la lernejon kaj labori ŝi elmigris el Okcidentsvedujo al Orientdanujo, ĉar tiun tempon laboro estis malfacile trovebla ankaŭ en Svedujo. Fakte kaj en Nordsvedujo, Sudsvedujo, Orientsvedujo kaj eĉ en Okcidentsvedujo. Kaj ne estis pli bone en ĉiuj aliaj partoj en Svedujo !

En Suddanujo ŝi trovis laboron kaj poste eĉ suddanan edzon, fakte sudorientan edzon. Ŝia amata sudorientano laboris kiel purigisto kaj kortobalaisto en la unuanura lernejo en iu urbo en Suddanujo, do en Sudorientdanujo. Iom poste li fariĝis mia avo.

Tiuj du ĉarmaj homoj, la okcidentsvedino kaj la suddano baldaŭ ekhavis kelkajn infanojn, fakte kvin ĉar tiam ankoraŭ ne estis inventita la televidilo. Tamen nur po unu post la alia.



Do, mia patrino estis duonsudokcidentsvedino kaj samtempe duonsudorientdanino. Mi ne scias ĉu mi rajtas fieri pri tio. Mi mem ja estis kvaronsudokcidentsvedeto, sed feliĉe, tre frue en la vivo mi fariĝis tutmonda pacifisto.

Mia patro naskiĝis en la plej granda urbo en Danujo. Li estis kopenhagano, fakte nordkopenhagano. Kopenhago situas en Orientdanujo, mia patro estis do ankaŭ orientdano. Baldaŭ post sia naskiĝo li estis sendita por plukreskiĝi kaj edukiĝi en Jutlando. Fakte en Nordjutlando. Li do baldaŭ fariĝis nordjutlandaneto. Sed ĉar Jutlando ja situas en Okcidentdanujo, li ja povis fieri pri la fakto, ke subite li estis okcidentnordjutlandaneto. Almenaŭ dano kvankam ankoraŭ ne granda dano, aŭ ĉu?

Mi mem havis la honoron naskiĝi en Okcidentkopenhago, mi estas do orientdano. Sed ĉar Kopenhago ja situas en Orientdanujo, mi estas do ankaŭ orientano, dana orientano, aŭ ĉu eble iomete pli bone almenaŭ "trikvaronorientana dano", ĉar unu kvarono de mi apartenas ja al Svedujo? La problemo estas ja, ke mi estas samtempe kaj orient' kaj okcidentdano. Komprenu tion, kiu povas. Ankaŭ mi havas miajn problemojn !



Mi ne scias ĉu mi havas geparencojn ankaŭ en Sudano. Neniu el miaj familianoj rakontis ion pri tio al mi. Sed se mi havas, kaj se tiuj sudanaj parencoj legas ĉi tion, bonvolu akcepti miajn plej sincerajn kaj elkorajn salutojn! Povus ja esti ke iu nordsudanano, sudsudanano, okcidentsudanano aŭ orientsudanano konas mian nomon kaj eble bonvolas korespondi kun mi, ĉu ne? Mi eĉ tre volonte korespondos kun vi en orientdana lingvo, sed, mi devas konfesi, prefere en Esperanto!!!

Bob Felby